# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

32a jaro Novembro-Decembro 1980 N-ro 6






REGENSBURG, la kongresejo KOLPING-HAUS

# ATAKO KONTRAŬ IFEF-ANOJ

En "Heroldo de Esperanto" mi legis "leteron de leganto" kun titolo "Ne hontu uzi Esperanton". Skribis ĝin partopreninto de nia 32a IFEF-kongreso en America. Legiĝas tie la frazoj: "La kongresanoj portis belajn, okulfrapajn kongresinsignojn, sed ne uzis la Internacian Lingvon, preskaŭ ĉiam babilanta en naciaj lingvoj. Tiu internacia 300-persona grupo estis bona videbla, sed ne aŭdebla. Kial?" - Kaj la skribinto poste daŭrigas: "Ĉi-jare en America estis perdita bona ŝanco montri al multnombraj turistoj, kiel funkcias la lingvo."

Ĉu prave?

Nu, eĉ se oni konstatu, ke la asertoj iom troigas, la skribinto bedaŭrinde almenaŭ ne malpravas. Ofte vere aŭdiĝis naciaj lingvoj, kaj mi timas, ke tiuj, kiuj ĉefe "kulpas" la aperigon de tiu letero de leganto, eĉ ne legas la liniojn, kiujn mi jen submetas al ili, sed ĉefe al la partoprenontoj de la venonta kongreso. Kaj ne nur al ili.

Ni ĉiuj sentu nin prave atakitaj de tiu observemulo. Ni ĉiuj estonte pruvu, ke kaj kiel glate funkcias nia lingvo. Ne nur en kongreso, sed ĉiam kaj ĉie. Gravega tasko por la parolkapablulo inter ni, ke ni gvidu tiujn, kiuj ankoraŭ timetas, uzi la lingvon, al sama kapablo. Ĉiu devas komenci, sed ankaŭ ĉiu povas progresi. Kial do ni nomas nin "esperantistoj"?

J.G.

# SALUTOJ

Okaze de la kristnaskaj festotagoj kaj la transiro al nova jaro la estraro de IFEF kore salutas ĉiujn membrojn, landajn asociojn, kunlaborantojn kaj amikojn de IFEF.

Ni dankas pro agrablaj rilatoj dum la baldaŭ pasinta jaro kaj deziras al ĉiuj fortojn kaj entuziasmon en la daŭra laboro por IFEF kaj ties idealoj.

IFEF-estraro

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Sekretariejo: E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved.

Redaktoro:
Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, F-78420 Carriéres/Seine.

Bankkonto: Provinsbanken, Konto 7353-350550, DK-9800 Hjørring.

# 33a KONGRESO DE LA INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO (IFEF) EN REGENSBURG (FR Germanujo)

## 15a – 21a de Majo




Kongresadreso:
33a IFEF-kongreso, Wiener Str. 121,
D-6000 Frankfurt (M) 70
Tel (0611) 65 73 65

Kongresejo:
Kolpinghaus St. Erhard,
Adolph-Kolpingstr.1, D-8400 Regensburg
Tel. (o941) 55 800.

### REGENSBURG urbo de la 33a IFEF-Kongreso

La 32a IFEF-Kongreso disvolviĝis en la idilia feriocentro America, ne tro proksima al la nederlanda urbo Eindhoven. Kontraste al tio la partoprenontoj de la 33a IFEF-Kongreso vivos dum unu semajno en la germana urbo Regensburg ĉe la riverego Danubo.

Tiu regiono estas loĝigita jam depost ses mil jaroj. La Keltoj nomis sian kolonion Radasbona. La invadintaj Romanoj fondis tie unue soldatan kampon, poste potencan fortikaĵon. Ĝi nomiĝis "Castra Regina". El la romana periodo konserviĝis la pordegorestaĵo "Porta Praetoria". Dank' al tie trovita ŝtona tabulo oni konas precize eĉ la fondodaton de la urbo kaj festis ĝian 2000-jaran ekziston en 1979. El la fortikaĵo evoluis civila loko. Ne mirinde, ĉar la riverego Danubo akceptas tie kvar flankajn riverojn kaj donis la bazon por forte kreskanta ekonomio.

Sed ankaŭ la romana fruktedona periodo finiĝis. La nomo ŝanĝiĝis en Reganespurc. En la jaro 530 la loko fariĝis bavara ĉefurbo kaj poste imperiestra rezidejo de la Karolidoj, urbego duka, reĝa kaj episkopa, eŭropa komercometropolo en la frua kaj malfrua mezepoko. Kiel blazonon la burĝoj elektis du krociĝantajn ŝlosilojn, kiuj aperas ankaŭ en la kongresemblemo de IFEF. La fama "konstanta Regna Parlamento" havis sian sidejon inter la jaroj 1663 kaj 1806 en la Malnova Urbodomo. En ĝia histoririĉa salonego la urbo akceptos la kongreson. Kiu deziras rigardi la origine konservitan tortur-demandejon, grimpu malsupren al la kelaj ĉambroj kaj karceroj.

Do la urba kerno de Regensburg estas markita de la mezepoko. La Ŝtona Ponto konstruita en la 12a jarcento nuntempe toleras ankaŭ la aŭtomobilan trafikon. Super pintaj tegmentoj kaj turoj leviĝas la dutura katedralo de la Sankta Petro konstruita inter la 13a kaj 16a jarcentoj. Ĝi estas taksata ĉefverko de la gotiko en Sudgermanio. Ĉiun dimanĉon matene estas tie aŭdebla la mondkonata knaba ĥoro "Katedralpaseroj".

Al la vidindaĵoj inter multaj aliaj apartenas la rokokostila

Malnova Kapelo, kie la kongresanoj ĝuos altkvalitan koncerton. En la preĝejo Sankta Emerano, kies fondiĝo datas el la 5a jarcento, okazos la ekumena diservo. Laŭ itala stilo kaj unike de la Alpoj riĉaj patricioj konstruis en la 13a kaj 14a jarcentoj turdomojn, el kiuj konserviĝis kelkaj ĝis hodiaŭ. Vizitebla, almenaŭ parte, estas la 500-ĉambra kastelo de la Princo Thurn kaj Taksis, pri kies grandskala edziĝfesto en 1980 la ilustritaj gazetoj raportis amplekse.

La nuntempa urbo Regensburg prezentas sin multfacete. Diversspecaj industriaj entreprenoj havas sian sidejon. Bedaŭrinde la fervoja direkcio likvidiĝis antaŭ kelkaj jaroj sekve de la raciigo. Plaĉe aspektas la renovigita stacidomo. Regensburg posedas multe frekventitan havenon, universitaton, altlernejon kaj ĉiujn antaŭkondiĉojn por vivi agrable.

Facile atingebla estas la kongresejo, nomita Kolping-Haus, proksimume 15 minutojn for de la stacidomo. Al la vidindaĵoj estas nur kelkcentoj da paŝoj. En la vestiblo troviĝas la akceptejo, en la unua etaĝo salonoj kaj la salonego, ekspozicio, librovendejo kaj dum certa tempo poŝta giĉeto. La restoracio ofertas manĝojn kontraŭ antaŭe aĉetitaj kuponoj favorprezaj. Sidante sur la ekstera teraso oni povas pasigi paŭzojn.

Menciinda estas, ke la kongresanoj alvenintaj per trajno trovos en la stacidomo informejon, kie helpantoj klarigos la vojon al la hoteloj kaj pensionoj, kondiĉe ke oni aliĝis antaŭe kaj ricevis kongreskarton kun indikita hotelo. Do ne necesas veni unue al la kongresejo.

LKK forte esperas, ke la favoraj antaŭkondiĉoj, precipe la malgrandaj distancoj, stimulu al baldaŭa aliĝo, ĉar pri sukceso kaj reputacio de Esperanto decidas nelaste ankaŭ la nombro de la kongresanoj.

La programo promesas esti eble plej varia. Grava estas kiel ĉiujare la fervojfaka akcento en formo de fakprelego, kunsidoj de la terminara kaj fakprelega komisionoj, de estraro kaj komitato kaj de aliaj komisionoj. Ne mankos kompreneble la tradiciaj aranĝoj ekz. interkona vespero, solena malfermo en ĉeesto de eminentuloj, internacia balo, folklora kaj koncerta vesperoj. Eĉ magia vespero ne mankos. Lingve interesitaj personoj povos partopreni specialajn kursojn. Por atentigi la publikan intereson kaj kontaktiĝi kun la enloĝantoj diversaj manifestacioj estas projektitaj.

La kongresanoj vizitos la urbajn vidindaĵojn kun spertaj gvidantoj, kaj ili povos partopreni tri ekskursojn per aŭtobusoj kaj ŝipoj, kiuj aparte estos priskribataj. Se ankaŭ la vetero montros sin tiel favora kiel dum la antaŭaj jaroj, ankaŭ la 33a IFEF-kongreso en Regensburg fariĝos sukcesplena evento en la historio de la internacia fervojista Esperanto-movado. Kiel ĉiam gastoj estas bonvenaj des pli multe, ĉar en 1981 la Universala Kongreso okazos en Sudameriko, kien multaj adeptoj de Esperanto ne povos vojaĝi pro financaj kaŭzoj.

LKK de la 33a IFEF-kongreso.

# KOREKTO RILATE AL LA LOĜIGO

Kontraŭe al la antaŭa publikigo ne la trafikoficejo de la urbo Regensburg konfirmos la loĝigon, sed la LKK. La nomo de la koncerna hotelo resp. de la pensiono estas indikita sur la kongreskarto, kiun la kongresano ricevos antaŭe.

# EKZAMENO PRI LINGVA KAPABLECO

En la kadro de la 33a IFEF-kongreso en Regensburg germanlingvanoj havos okazon partopreni la ekzamenon de la Germana Esperanto-Instituto por atingi la ateston pri lingva kapableco. Verŝajne la skriba parto okazos lundon, la 18an de majo je 9.00 h kaj la buŝa parto merkredon, la 20an de majo je 9.00 h. Interesuloj el ĉiuj landoj, kiuj regas la germanan lingvon povos partopreni. Fritz Lautenbach, Abtstor 21, D-6400 Fulda (deĵoradreso: Bahnhof Fulda) akceptas aliĝilojn kaj volonte donas informojn.

# KOMUNIKO DE AFEF

Dum la lasta kongreso AFEF proponis sendi al la IFEF-kongresoj gejunulojn (malpli ol 28-jarajn) kun financa subteno de la landaj asocioj, por instigi ilin al pli vigla partopreno kaj kunlaboro en la movado.

Por la sekvonta (33a) kongreso en Regensburg, AFEF jam intencas agi en tiu ĉi senco kaj p e t a s la aliajn landajn sekciojn, sekvi laŭeble tiun ĉi ekzemplon, ke la celo - nome la reaktivado de IFEF-junularo kaj vasta kunlaboro kaj kontaktoj de la gejunuloj - povos realiĝi kiel eble plej frue.

Ni ripetas por rememorigo: Ne temas pri pago de la tutaj kostoj flanke de la landaj asocioj, sed nur pri financa kontribuo (simile al la elspezoj por la landaj komitatanoj kaj delegitoj).

Aŭstria Fervojista Esperanto Federacio - AFEF.

# EL NIAJ LANDAJ SEKCIOJ

## Japanio

Estraro de JELF

| | |
|---|---|
| Sekretario: | S-ro NOBUKI Naosuke<br>Fuĵihara-hikarimati 3-7-4, 703-Okayama |
| Kasisto kaj redaktoro: | S-ro UDA Kenkiti<br>Mizunomi 1412, 720-Fukuyama |
| Prezidanto: | S-ro KUSUDA Zensuke<br>Kandakitadori 7-195, 660-Amagasaki |

---

NORVEGIO

**ATENTU! GRAVA NOVAĴO!**

Ek de Aprilo 1980 ĉiu nova eldono de la horaro RUTEBOK FOR NORGE havos ĉi tiun liston de klarigoj pri la SIGNOJ en Esperanto

*

Ne forgesu sciigi viajn amikojn en aliaj landoj pri tio!

## Klarigoj por la fervojhoraroj

........................ — Trans Eŭrop-Ekspreso. Nur unua klaso.
........................ — Nur labortage.
........................ — Nur dimanĉe kaj festotage.
Antaŭ la tempoindikoj .... — la trajno ne veturas ĉiutage aŭ ĝi veturas nur dum certa tempoperiodo.
Meze en la trajnkolono.... — la trajno ne haltas en la koncerna stacio.
Meze en la trajnkolono.... — la trajno veturas laŭ alia itinero.
........................ — Rezervado de sidlokoj deviga.
........................ — Rezervado de sidlokoj deviga de la elirstacio kaj de certaj survojaj stacioj.
........................ — Rezervado de sidlokoj ebla.
........................ — La trajno ne transportas registritajn pakaĵojn.
x ........................ — La trajno nur haltas laŭbezone.
Antaŭ la tempoindikoj .... — la trajno haltas nur por entrajniĝo.
Antaŭ la tempoindikoj .... — la trajno haltas nur por detrajniĝo.
: Antaŭ la tempoindikoj .... — la antaŭan tagon.
: Post la tempoindikoj ..... — la postan tagon.
Limstacio kun dogan ..... — kaj pasportkontrolo aŭ trajno kun survoja dogan- kaj pasportkontrolo.
........................ — Ŝiplinio.
........................ — Aŭtobuslinio.
........................ — Aviadiliino.
........................ — Litvagono.
........................ — Kuŝvagono.
........................ } — Trairai sidvagonoj

En la stacikolono ......... — Restoracio.
En la trajnkolono ......... — Restoracia vagono.
En la stacikolono ......... — Stacia bufedo.
En la trajnkolono ......... — Vendado de buterpanoj kaj trinkaĵoj en la trajno.
La kvarangulo ĉe la stacinomo indikas la situon de la stacidomo.
Motorvagona trajno kun limigita nombro da sidlokoj da sidlokoj kaj limigita spaco por pakaĵo. Bicikloj ne estas kunportataj.
Alteco en metroj super la marnivelo.

**Klarigoj rilate aliajn signojn, ciferojn aŭ literojn troviĝas sur la paĝo, kie ili estas uzataj.**

**Mallongigoj:** **Dgl.** - ĉiutage, **Et.** - eksprestrajno, **Fr.** - vendrede, **Gt.** - vartrajno, **Hld** - dimanĉe kaj festotage, **Ht.** - rapidtrajno, **Hvd.** - labortage, **Kvd.** - labortage, **Lt.** - loka trajno, **Lø.** - sabate, **Ma.** - lunde, **On.** - merkrede, **Pt.** - pasaĝertrajno, **Sø.** - dimanĉe, **Ti.** - marde, **To.** - jaŭdo.

## Klarigoj por ŝip- kaj aŭtobuslinioj

La supraj klarigoj validas por ŝip- kai aŭtolinioj. Rimarku jenajn esceptojn:

x Haltas nur laŭbezone aŭ alkuras nur laŭ antaŭa interkonsento aŭ kiam estas pasaĝeroj por la loko.
| Ne haltas aŭ veturas laŭ alia itinero.
Rimarku krome kelkajn simbolojn kaj mallongigojn kiuj aplikiĝas nur en la ŝip- kaj aŭtobushoraroj.
Fervojkonekto.
Pramŝipo kun rekta surŝipenveturo.
La ŝipo transportas aŭtomobilojn. Ne rekta surŝipenveturo.
— Halto sen horindiko.
Proksimuma horo, informcela.
Loko sen kajo. Ekspedado pere de boato.
A Transporto de laboristoj.
G Transporto de varoj.
K Kombinata transporto de pasaĝeroj kaj varoj.
Korr. Korektita en eldono n-ro . . . .
M Transporto de lakto.
P Transporto de pasaĝeroj.
S Transporto de lernantoj.
Skd Tagoj kiam instruiĝas en lernejoj.

# LA REDAKTORO PETAS:

En IF/1 de 1981 mi ŝatus aperigi kalendaron pri la jarkunvenoj de la IFEF-sekcioj.

Tiucele mi petas la responsulojn de tiuj sekcioj: Bonvolu sendi al mi informojn koncizajn pri tiuj jarkunvenoj (datoj, lokoj ... almenaŭ).

Se eblas al vi, sendu tiujn informojn antaŭ la 15a de januaro por IF 1.

Se tiuj aranĝoj ne estas ankoraŭ fiksitaj, mi aperigos ilin en IF tuj kiam mi ricevos ilin.

Tiu kalendaro eble plifaciligos la partoprenadon de IFEF-anoj, kiuj ŝatus viziti vin.

NE RESTU IZOLITAJ. Helpu la kontaktojn inter IFEF-sekcioj. Informu pere de INTERNACIA FERVOJISTO, kiu estas je via dispono.

Dankon.

Rd.

# INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO SKISEMAJNO

7-14. de februaro 1981

La nombro de partoprenantoj jam proksimiĝas al la "supra limo". Tamen kelkaj litoj estas ankoraŭ je dispono. Tuj post la Nova Jaro ĉiu aliĝinto ricevos al sia hejma adreso la informojn kaj ateston de rezervigo.

Programo dum la semajno estos proksimume sama kiel antaŭaj. Organizanto penos aranĝi la t. n. kviz-konkuron dum unu vespero; do partoprenantoj havu jam nun iom da scio pri nia lando, pri vintraj sportoj kaj movado en IFEF. Kelkaj jam starigis demandon pri la reguloj de IFES-aranĝoj. La partoprenantoj pripensu pri tio kaj bonvolu sendi la proponojn al organizantoj.

Bonvenon al Bohinj!

Organizantoj

# LA INTERNACIAJ KONGRESOJ 1981

54a SAT-KONGRESO

La 54a SAT-kongreso okazos 1.-8. aŭgusto 1981 en Bazelo, Svislando.

La Postkongreso kaj internacia feriosemajno, organizata de la Turista Asocio de Naturamikoj Esperanto Fako (TANEF) okazos 8.-15. aŭgusto en Luzern. Ekskursoj kaj vizitoj de mondfamaj regionoj plezurigos la partoprenantojn.

Korespondadreso por ambaŭ aranĝoj estas:
54a SAT-kongreso, E. Döring,
poŝtfako 225,
CH-4003 Basel (Svislando).

Dukoloraj kongresaj glumarkoj estas jam haveblaj. Akiru ilin kaj varbu per ili por la kongresvizito! 1 folio kun 12 markoj kostas SFr, 1.50 + afranko, aŭ sendu 2 internaciajn respondkuponojn al: 54a SAT-kongreso, poŝtfako 225, CH-4003 Basel.

66a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Brazilio (Brazilo) 1981 07 25 - 08 01

Konstanta adreso:
Nw Binnenweg 176,
3015 BJ Rotterdam, Nederlando.

Adreso de LKK:
Caixa Postal 04-0406, BR-70000
Brasilia (DF), Brazilo.

-----------

Protektas la prezidento.
Kiel Alta Protektanto de la 66a UK konsentis roli la prezidento de Brazilo, João Baptista de Oliveira Figueiredo.

Senatano prezidas en LKK.
La prezidanto de la Loka Kongresa Komitato estas vicestro de la reganta partio en la brazila Senato kaj, sekve, tre grava persono en la politika vivo de la lando. Temas pri senatano José Lins de Albuquerque, multjara esperantisto.

Jam preskaŭ sepcent!
Pro la escepte frua varbado de aliĝoj por la 66a UK, la nombro de aliĝintoj estas eble rekorda por tiel frua dato en la antaŭkongresa jaro, verŝajne aŭgurante rekorde grandan ekstereŭropan Universalan Kongreson. Ĝis 1980 10 16, registriĝis 672 aliĝoj el 43 landoj.

| Kongreskotizoj en guldenoj, ĝis: | 80.12.31 | 81.03.31 | 81.06.13 |
|---|---|---|---|
| Periodo: | unua | dua | tria |
| 1. Kongresano ne membro individua de UEA ........... | 180 | 198 | 216 |
| 2. Kongresano individua membro de UEA kun Jarlibro ........ | 158 | 176 | 194 |
| 3. Kongresano individua membro de UEA kun Jarlibro kaj revuo | 125 | 143 | 161 |
| 4. Edz(in)o de kongresano en kategorio 1 ................. | 126 | 139 | 151 |
| 5. Edz(in)o de kongresano en kategorio 2 aŭ 3 ........... | 111 | 123 | 136 |
| 6. Junulo ĝis inkluzive 20-jara | 54 | 60 | 65 |
| 7. Plentempa studento ĝis inkluzive 30-jara .................... | 90 | 99 | 108 |
| 8. Blindulo .................... | 72 | 79 | 87 |

Post la 13a de julio 1981 aliĝoj ne plu estos akceptataj, kaj la aliĝontoj devos pagi surloke en la kongresejo laŭ la koncerna tarifo de la tria periodo plus krompago 40 gld.

Internacia Junulara Kongreso en Meksikio. La 37a IJK estos la dua ekster Eŭropo, post la 21a IJK (1965) en Oocu, Japanujo. Ĝi okazos en la feriejo Oaxtepec, 78 km for de la urbo Meksiko. Aliĝilo estos baldaŭ havebla ĉe la konstanta adreso, kaj eliros kune kun baldaŭa numero de KONTAKTO.

## KIAMANIERE PLIVIGLIGI E-LABORON EN E-GRUPO ?

Ĉi tiu frazo komencis esti baza ŝtono de multaj diskutoj en nia E-loka grupo en Česka Třebová (Ĉeĥoslovakio) jam antaŭ 17 jaroj. Post longa diskutado fine sekvis la decido: kontakti E-grupojn en najbaraj urboj, kune kun ili efektivigi kolektivajn renkontiĝojn. Unue ni petis kunlaboron kun du urboj; la unua estis 12 km, la alia 30 km malproksime de Česka Třebová. Kaj tiel komenciĝis ĝemeliĝo de niaj E-grupoj. Poste aliĝis al la kunlaboro ankoraŭ tri aliaj urboj. Komence la kunvenoj estis duontagaj kaj neregulaj, sed ekde lastaj tri jaroj la kunvenoj okazis jam regule ĉiun duan monaton. La dumkunvena agado plilongiĝis por la tuta tago kaj ilia efektivigo alterniĝas laŭ la urboj. La renkontiĝoj iĝis riĉaj je partoprenantoj, kaj la nombro de interesuloj lastatempe atingis eĉ pli ol 60 gesamideanoj.

La programon preparas ĉiam la gastiganta E-grupo. Ĝi konsistas el du fundamentaj partoj: unue ekskurso en iun konatan kaj eminentan urbolokon, ekzemple en fabrikon aŭ historiaĵon, aŭ iam oni okazigas renkontiĝon kun iu en la urbo fama persono; la dua parto entenas viglan programon kun kantoj, poemprezentado, komunaj ludoj ktp. Diversaj konkuroj, projekciado de interesaj diapozitivoj, lotumado pri valoraj premioj kaj aliaj amuzaĵoj estas preskaŭ neforigebla parto de la kunveno. Neniam mankas informoj pri la laboro de unuopaj E-grupoj, enhavantaj pasintan dumonatan agadon de la grupoj, kaj plue gravajn informojn el la komitato de ĈEA. La menciitaj renkontiĝoj estas ege utilaj, ĉar ili ne nur devigas amuzi unu la alian, ne nur la amuzon akcepti, sed ili ankaŭ profundigas sinceran amikecon inter E-sperantistoj.




Dank' al vigla aktiveco de E-grupoj ni vizitis jam modernan teledirektan turon de fervoja stacio, bier- kaj tabak-fabrikon, ni renkontiĝis kun la filino de fama, eminenta jam mortinta ĉeĥa pentristo Max Švabinský kaj vizitis la domon, kie la pentristo vivis. Tre interesa montriĝis ankaŭ la renkontiĝo kun partizanoj, kiuj dum la dua mondmilito batalis kontraŭ la faŝistaj malamikoj.

Lastan, programe interesan kaj esceptan renkontiĝon preparis gesamideanoj el Česka Třebová.

Ili preparis 13 aŭtomobilojn kaj kun gesamideanoj el ĝemelaj E-grupoj realigis pli ol 70 km longan vojaĝon. Dum vojaĝe ili vizitis interesan muzeon de puntoj en urbo Vamberk, ĉarman naskiĝdomon de ĉeĥa patrioto en urbo Dobruška kaj tutlignan admirindan preĝejeton el la XV-a jarcento. La posttagmezan programon ili efektivigis en kastela restoracio de urbo Náchod, kie oni ankaŭ bonvenigis la tieajn E-istojn.

Ĉiuj partoprenintoj antaŭĝojas je sekvonta renkontiĝo kaj kredas, ke ĉi tiu aktiveco ankoraŭ longe daŭros.

Jiri Pištora.

# ANKAŬ AKADEMIANO POVAS ASPEKTI ANSERO

Ĉu vere? Tie? Nepre ne!
Sed jes! Sendube! Ve, ho ve!
Pro hont' ruĝiĝas la vizaĝo:
Jen, sur la sesdek-naŭa paĝo,
En eta artikolo mia -
Ĝuste pri lingvoscio plia! -
Eterne por IFEF-arkivoj -
Jen mankas du akuzativoj!
Ĉu pres-eraro? Tajp-eraro?
Ĉu dum verkad'? Sed jen la faro!
Jen mi konfesas al publiko
pri peko kontraŭ gramatiko.
Mi scias, ke mi verkis haste.
Ĉu nun mi devos penti faste?
Ĉu ĝuste kion mi predikis
Mi tiel peke ne aplikis?
Ho ve! Ho kulpo mia! Jes!
Jen vera fuŝo kaj forges'.
Kun granda sento de malgloro
Mi petas de la redaktoro
Pardonon pro ekzemplo fia
Tiel groteske ironia,
Kaj ankaŭ de la fervojistoj -
De ĉiuj laŭ la longaj listoj.
Nu, estas tamen saĝo-krono
Rekrei Bonon el Malbono;
De Akademianina sperto
Utile kresku nun averto:
Ke en verkado tro rapida
Ekzistas risko pretervida:
Por iu ajn, en ajna rolo,
Gravas la devo de KONTROLO.

Marjorie Boulton
(en blanka tolo kun kandeloj)

- - - - - - - - - - - - - - - - -

# NOTO DE LA REDAKTORO

Verŝajne ĉiuj, kiuj partoprenas la ellaboradon de la Bulteno sentas sin kulpaj pro tiuj 2 eraroj, kiujn vi rimarkis eble sur paĝo 69 de IF 4 .......

Ili do sekvu Marjorie Boulton, ankaŭ en blankaj toloj kun kandeloj ..... ĉar estas vero, ke .....
"Gravas le devo de KONTROLO."

# FERVOJA KORESPONDA SERVO

F.K.S. celas havigi al siaj membroj, same al kurso-gvidantoj kaj komencantoj (fervojisto aŭ ne) diverslandajn korespondantojn laŭ iliaj deziroj. Ĉiu korespondemulo rajtas senpage enskribigi sin. Ĉiu persono, kiu deziras informojn aŭ ricevi adresojn, aldonu internacian respondkuponon (aŭ francajn poŝtmarkojn), por ĉiu dezirata korespondadreso, ĉar F.K.S. ricevas nenian subvencion. Tiuj, kiuj havas problemojn por akiri internacian respondkuponon, povas tamen aliĝi senpage al F.K.S.

Senhezite enskribigu vin ĉe:

Fervoja Koresponda Servo (F.K.S.):
adreso:
J. Demissy,
18 avenue du Lieutenant Bourguignon,
F-55600 Montmedy (Francio).

Indiku vian nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)ojn, kaj pri kiaj temoj ktp.

Ĉiu subskribint(in)o certigu respondi almenaŭ unu fojon!

## Fervoja angulo

### NE ĈIUTAGA EVENTO

#### Feliĉa fino inter la reloj

Dum sia ĉiutaga kontrolado en la manovraj trakoj de la stacio Büchen la enketoficisto malkovris etan fenikuron, kiu daŭre flugis al kaj de la kava bufro de franca varvagono starante tie. Tiu ĉi vagono estis ŝarĝita per eksterprofila kargo kaj estis preta baldaŭ forruli al la najbara fervojo laŭ ties postulo.

Post kelkaj tagoj el la aperturo de la bufro pendis tuteta herbero, certa indiko, ke la bufro estis elektita kiel infanĉambreto. Post esplorado oni konstatis, ke kvar ovetoj ene kuŝis por esti kovataj. La vagono ek de nun ĉiutage aparte estis kontrolata, kaj la manovristoj traktis ĝin kiel krudan ovon.

Sed kio nun okazus, se subite la vagono estus forvokata kaj la kovanta fenikuro devus kunruli tra GDR kaj Ĉeĥoslovakio ĝis Hungario? Nepre necesis malhelpi tian malagrablan sorton. Translokigo de nia fenikuro al orienta Eŭropo estis ekster ĉiu diskuto, ĉar eĉ plej diplomataj internaciaj kontaktoj apenaŭ havintus rezulton ĉi-kaze.

Tre atente oni nun observis la situacion en la kava bufro, kaj faris planon, kiel agi, kiam necese. La timita tago de la ekrulado venis pli rapide ol atendite. Ĝuste dum tiu tago la birdetoj estis eloviĝintaj.

Sed nun la fervojistoj aktiviĝis kaj la plano por la "horo nulo" ekvalidiĝis: Tre rapide la bufro estis demuntita kaj anstataŭita per alia. Singarde oni metis la "birdbufron" sur keston inter la trakoj. Ambaŭ birdgepatroj tuj komencis nutri siajn idojn. Kvankam ĉirkaŭe rulis la trajnoj kaj daŭris la

manovrado, ĉiuj kvar idoj fariĝis flugpovaj.

Iumatene la nesto estis malplena. Niaj fenikuroj kun siaj idoj estis forflugintaj. Afero, kiu ne akordiĝis kun la kutima fervoja ĉiutago, trovintis ĝojigan finon.

trad. el la germana porfervojista revuo "Wir" de J. Giessner

## VERKO DE EJFELO EN MORAVIO (ĈEĤOSLOVAKIO)

(El gazeto "Mladý svět")

Vojaĝante per trajno el Brno al Znojmo, en la km 23, antaŭ la stacio Moravské Bránice oni transveturas valon de rivero Jihlava, kvar dekojn da metroj profundan. El la fenestro de la trajno oni povas ĝui sole la profundecon de tiu ĉi valo. Sed la teknika monumenteco de la ŝtala viadukto estas videbla nur de malsupre, el la valo mem, tra kiu ankaŭ ŝoseo paralelas kun la rivero.

Malmult-iu scias, ke sur tiu ĉi viadukto estas subskribitaj francaj inĝenieroj, gvidataj de Aleksandro Gustavo Ejfelo, la projektaŭtoro de la Ejfelo-turo en Parizo. Estas eĉ eble diri, ke la ponto apud Moravské Bránice, kiu estis konstruata en la jaroj 1886-1870, estis unu el la ŝtupoj, per kiuj Ejfelo perfektiĝis ĝis al la grandega (kaj en la tempo de ĝia konstruado - antaŭ jaro 1889 - ege pridiskutata) simbolo de Parizo.

La origina ponto, longa 373,5 m, ĝis hodiaŭ servas al sia celo, sed oni povas diri, ke ĝi fendiĝas en siaj kunfiksaĵoj, resp. en la nitoj. Ĝi ne plu kapablas servrezisti la nuntempan trafikon kaj ankaŭ la tempo mem ne malzorgis erodi ĝin. Tial en senpera prokzimeco kreskas nun ĝia similulo - moderna viadukto. Ĝi estas ankaŭ ŝtala, 382,2 longa kaj ĝi pezas 2557 tunojn. Oni finis ĝian muntadon, kiun oni komencis en septembro 1974, la 31.8.1976. La alteco super la akvonivelo de la rivero estas 37 m.

KČ

Rim. de la tradukanto: la malnova ponto estas leĝe protektata kiel teknika memoraĵo kaj restos daŭre konservita.

## Gravaj enhavaĵoj



La redaktofino por la venonta IF estas 15.1.81.


Preso: Esperanto-Centro Aarhus, Dk-8000 Århus C